

Año II (N.° 20-21)

# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núms. 8-9

SEPTIEMBRE 1950

RUZAFA, 7

VALENCIA (ESPAÑA)

## Kiam granda konfuzo kaj malfido regas...

# Grandioza estis la Sukceso de la Kongreso Universala de Esperanto

**Persistir es triunfar. Cuando una lucha ideológica persiste durante un espacio de tiempo equivalente a la vida humana; cuando entre sus filas se encuentran octogenarios que, desde su infancia se adhirieron a una doctrina y recorrieron un camino áspero e ingrato, sin desfailecer, es que el contenido espiritual de tal doctrina tiene enjundia, reciedumbre y muchos motivos para triunfar.**

**Este es el caso del Esperanto que, con envidiable constancia y periodicidad, pese a las más árduas dificultades, organiza indefectiblemente, cada año, un Congreso Internacional al que acuden miles de fervorosos esperantistas ávidos de bañarse en ese maravilloso ambiente en el que todas las razas, lenguas y peculiaridades quedan aunadas por el nexo común del idioma y del mismo latido de fraternal comprensión.**

**Este año, el magno acontecimiento de siempre, ha mostrado sus galas en ese gran corazón del mundo que es París. Además el Congreso de este año ha tenido una gran significación, la de respaldar con la real y efectiva fusión de miles de corazones, lo que pocos días antes, de una manera oficial y protocolaria, había tenido lugar en Lake Success, esto es, la entrega a la O. N. U. del álbum en que más de diez y seis millones de personas pedían al gran organismo superestatal, el reconocimiento del Esperanto como lengua auxiliar internacional. Entre esas firmas cuentan la del Presidente de la República Francesa, la del Primer Ministro de los Países Bajos, varios Ministros, Obispos, Generales, Catedráticos y hombres de ciencia. Y desde el Jefe de un Estado hasta el más modesto obrero, han pedido por ese documento la oficialización de algo que no es una utopía ni un sueño de idealistas sino una realidad tangible que a diario se confirma y que los Congresos patentizan con su simpática estridencia: la absoluta idoneidad del Esperanto para una perfecta comprensión entre miles de personas procedentes de los más dispares rincones del mundo; la eficacia del idioma auxiliar para discutir temas científicos, la oratoría sagrada, el turismo, la correspondencia comercial, la filatelia y las expansiones artísticas.**

**Y tanto en París los de U. E. A., como en Turín los de S. A. T., y en Roma los Católicos, han confirmado una vez más, ante el mundo entero, el augurio feliz de S. S. el Papa Pío XII: «Lo que el Latín ha sido en la Edad Media y en el Renacimiento, será el Esperanto en la Edad Moderna». Y los hechos cumplidamente lo confirman...**

**Inter amuzo kaj distro, per harmonio kaj ordo, sen bezono de tradukoj, la popolo esperantista pro la forto de sia obstino, laborante senhalte dum longa periodo de tempo, gajnis rajton diri nun al la ekstera mondo, ke internacia konferenco sen la uzo de Esperanto estas... nur galimatio!**

# POST KELKAJ TRO EFEMERAJ TAGOJ SUB LA HISPANA SUNO

Grade oni venas Hispanion. Jam en suda Francio dense vivas la simpatia kataluna gento, kies sonora lingvo estas pure parolata ankaŭ en la izolitaj valoj de Andorra. Tra tiu interesa landeto ni atingis nian unuan celon, Barcelonon, pri kiu prave skribis Cervantes:

«Kaj tiam, decide mi venis al Barcelono, arkivo de la afableco, rifuĝejo por fremduloj, hospitalo por malriĉuloj, patrujo de kuraĝuloj, juĝejo por ofenditoj, konforma rendevuejo por firmaj amikecoj; kaj cetere, pri situo kaj beleco, unika.»

Tro abundis agoj de gastamo kaj kamaradeco en la kataluna metropolo por nomi ĉiujn. Jen nur bukedeto anonima: afabla gvidado al artaj trezorejoj, imponaj konstruaĵoj kiel ekz. la mirinda arkitekturo de Gaŭdi, agrablega loĝado ĉe samideano en lia pensiono, unikaj ekskursoj al *Pueblo Español* kaj Montserrat, krom unue kaj laste la pulsanta verva vivo de la Ramblo tage kaj nokte.

Agrablaj, pitoreskaj parentezoj estis Puigcerda kaj Tarragona, sed jam ni urĝis al Valencio, la ekstremo de nia longa vojaĝo. Tie kun komforta centro ĉe nia multjara amiko Hernandez ni gaje pendolis de unu samideana familio pli gastama ol la alia. Nia sola plendo estas, ke en Valencio oni ne permesis al ni elspezi monon...

Dum tagoj de la granda foiro ni ĝue ensuĉis la specifikan ĉarmon (kaj varmon) de la urbo de floroj kaj taŭroludoj. Surprizis nin, ke preskaŭ neniam hispanaj samideanoj rigardas tiun nacian, tre pompan spektaklon, sed post persona sperto ni simpatias al iliaj argumentoj, kaj eĉ hontemo, rilate la arogan formon mortigi malrapide kompatindajn bestojn.

Nun, ĉe skribotablo en frua aŭtuno norda preterflirtas karaj rememoroj: aŭtomobil-ekskurso kvinope tra senfinaj rizokampoj apud Valencio, baniĝoj en kristale pura Mediteraneo, intimaj urbaj migradoj kaj modesta vizito en Zamenhofstrato, senŝilda, muta pri sia honoro...





Zaragozon ni atingis post plej daŭra kaj peniga vojaĝo, sed ankaŭ tie areto da sindonaj amikoj pretis agrabligi nian restadon. Post ripozego ili sisteme kaj intense gvidis nin al monumentoj, parkoj, katedralo, turoj, ruinoj, cindrejo de italoj, muzeoj ktp., iomete penige sed tre interese. Kaj en Zaragozo ŝajnas same neevitebla la donacemo kiel aliloke kaj eĉ same kavalira la regalo per floroj.

Plej surprizis nin la vigleco de la esperantista vivo ĉie. Spite al malfavoraj kondiĉoj dudeko kunvenas dufoje semajne en Barcelono, trideko en Valencio ĉiutage: En Zaragozo oni eĉ disponas pri propra ejo. — Tamen plej kortuŝa estis adiaŭo al amikoj en San Sebastiano. Ĝis la internacia ponto, ĝis la limbarilo mem oni akompanis nin firmpaŝe, protekte, sed melankolie, ĉar al honestaj hispanoj ne facilas transpasi, fakto bedaŭrinde konfirmita ĉe UK en Parizo.

Ni estas feliĉaj, ke ni sub la hispana suno havis okazon ekkoni kaj manpremi aron da pacamaj, honeste pensantaj samideanoj. Ni multe, multe, dankas al vi pro ĉio kaj deziras al ĉiuj elkoran *ĝis la.*

**Roma kaj Poul Torsen**
*Kopenhago.*

**Nia samideano Francisko Curto, el Barcelono, skribas al ni jenon:**

"Eble vi bonvole publikigos en BOLETIN la perdon de la fervora kaj batalema esperantisto, tre konata de la malnovaj samideanoj, S-ro Leonardo Renom, kiu mortis en Junio 1950. Kvazaŭ pastreme li gvidis multajn kursojn en nia urbo (Barcelono), kaj mi ŝuldas al li, ke mi iam fariĝis esperantisto. Estinte tre aĝa, kompreneble, li forlasis ĉian aktiveeon, sed kiam ofte mi vizitis lin, aŭ ni ambaŭ renkontiĝis en la urbego (kie li loĝis) promenante, li ĉiam interesiĝis kaj demandis pri Esperanto, kaj ankaŭ ĉiam li parolis kelkajn vortojn tiulingve, t. e. li fidele estis esperantisto ĝis la fino de sia ekzemplodona vivo."

# DENOVE PRI HISPANISMOJ

*De Azor al Sno. Regulo Pérez*

Jen kanario, kiu kuraĝis alfronti ĉasbirdon; ĝi ne timas lin ĉar flirtas antipode.

Pardonu, altestimata profesoro Regulo, la ŝercon; vere la kuraĝo estas mia, kiu simpla amatoro pri lingvistiko, diskutas kun vi, profesoro pri klasikaj lingvoj. Entute, vi ne kredas je la ekzistado de hispanismoj en Esperanto, kaj mi jes. Laŭ vi, ĉar nia genia Zamenhof ne sciis paroli la hispanan lingvon. Vi diras, ke li ignoris ĝin, kaj tio estas troigo: Zamenhof manumis hispanajn vortarojn; li aŭdis paroli la hispanan lingvon en Barcelono; li uzis kaj lasis enkonduki vortojn, kiel *duro, peseto, toreadoro, aŭtodafeo, inkvizicio, inkvizitoro, kavaliro, kavalerio, gitaro...* Oni povas nekoni iun lingvon, kiel la angla-ekz., kaj uzi anglismojn amase: futbol, bistec, tenis... kiel multaj hispanoj.

Nature, por prezenti la liston de hispanismoj en E. ni bezonus la necesegan Vorthistorion de E., science ellaborata, pri kiu vi parolas, kontentige por mi, en via artikolo. Kompreneble, ĉiam oni povos diri de iu lingvismo, ke ĝi havas prahistorion ĝis la limo atingi la lingvon de Adamo, kiu, laŭ la Biblio, kiam «la Eternulo kreis el la tero ĉiujn bestojn de la kampo kaj ĉiujn birdojn de la ĉielo, venigis ilin al la homo por vidi kiel li nomos ilin, kaj kiel la homo nomis ĉiun vivan estaĵon, tiel estis ĝia nomo» (Gen 2-19). Sed la lingvismoj rilatas pli al la formo: *trotuaro* estas francismo, malgraŭ tio ke la radiko trot-ekzistas en multaj lingvoj, devena el la latina *iri tolutim*.

Mi animas vin fervore por fari tiun Vorthistorion. Eble, oni devus unue kompletigi la vortaron de E. mirige planita de la iniciatinto, ĉar ĝis nun nia vortaro taŭgis nur por verkoj lirikaj; krome, kiel okazis en ĉiuj lingvoj dum la komenco. Efektive oni povas kalkuli per la fingroj la sciencajn libretojn esperantajn; dum, en ĵusa ekspozicio de germanaj publikigaĵoj postmilitaj, el 3 000 verkoj eldonitaj, du trionoj el ili estas pure sciencaj.

Eblas kompletigi nian vortaron plenumante samtempe alian el viaj ideoj: «senbalistigi la lingvon», vere tro ŝarĝita de duoblaĵoj, arkaikaĵoj, superfluaĵoj, kaj eraroj. Sed responde al tio, kaj al via inciteto, mi ne formetus *alkemion*, la kemio de la araboj, ĉar la prakemio estas egipta, laŭ nunaj konoj; nek mi formetus la novismon *arkitektado*, simila al skulptado, pentrado, miniado, desegnado, skribado, kc, ĉar se ni skulptas, pentras, kc., ankaŭ ni arkitektas, kaj la daŭra, kompetenta okupado arkitekti estas la profesio *arkitektado*, en la vortaro arkitekturo, kontraŭ la dua parto de la regulo 15.ª de la Plena Gramatiko.

Sed ni interkonsentus pri multaj aliaj balastaj radikvortoj. Kial konservi *ŝamon*, protestas Bodmer en sia serioza verko «The loom of language», kiam sufiĉas ĉamledo? Efektive, se ne ekzistas specialaj radikoj por ermen-ledo, vulpo-ledo, zibel-ledo, kc. kial enmeti *ŝamon?* Eble, ni formetus *Esperanton*, la radikvorton, kompreneble: Esperanto estas unue kaj ĉefe participo aktiva estanta de la verbo *esperi;* due kaj memoreble, formo uzata kiel pseŭdonomo de Zamenhof; trie, glora kaj triumfonta nomo de nia lingvo; sed, kial balastigi la lingvon per tiu nova radiko? Vere oni faris simile kun aliaj participoj: protest-anto, vari-anto, diplom-ato, trakt-ato, son-ato, form-ato, sal-ato, rezult-ato, kant-ato, sindik-ato, purpur-ato... Jes, senbalastigi la lingvon estas necesa tasko.

Kaj ne plu, profesoro; ni povas resti kontraŭuloj pri hispanismoj, sed amikoj pri ĉio alia.

AZOR

## BONHUMORA KLIENTO

La fama germana kuracisto Hahnemann, fondinto de la homeopata kuracmetodo, estis homo lerta kaj sprita.

Foje, inter lia klientaro troviĝis angla lordo. Akceptante lin. Hahnemann prezentis antaŭ lian nazon malfermitan skatoleton kaj, aŭtoritatece ordonis: «Ekflaru!». Tuj poste, li, solene, asertis: «Vi estas jam resanigita!». La lordo tre seniluzigata kaj konsternata, demandis respekteme: «Do, kiom mi ŝuldas al vi? Hahnemann, tre poze respondis: «Kvin pundojn». La lordo tre flegme, elpoŝigis kvinpundan monbileton; kaj, ne malpli poze metis ĝin antaŭ la nazon de la kuracisto, ordonante tondravoĉe: «Ekflaru!», kaj tuj poste, regardante la bileton en sia monujo, li daŭrigis ceremonie: «Vi estas jam pagita». Antaŭ la surprizita rigardo de Hahnemann kaj akompanantoj, li sin direktis al la pordo kaj foriris... La leciono havis efikon!

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● ALEMANIA.—Las emisoras NWDR, de Colonia, y Langerberg, emiten en esperanto, siendo escuchadas con gran interés en todo el país.

Se ha editado el folleto turístico «Bonvenon en Ravensburgo», la ciudad medieval de Oberland (Württemberg).

● BRASIL.—El Instituto Brasileño de Geografía y Estadística ha editado un bello folleto sobre la ciudad de Sao Paulo, con textos en portugués y esperanto. También sobre Belo Horizonte, con motivo del Congreso Esperantista allí celebrado últimamente. Estos folletos pueden solicitarse gratuitamente.

● BULGARIA.—En la Facultad de Filología e Historia de la Universidad de Sofía se ha organizado un curso de esperanto, como base para los estudios lingüísticos.

● DINAMARCA.—La Memoria anual del Laboratorio Ohlsens Enke de Patología, en Copenhague, contiene resúmenes en inglés y esperanto.

«Scandinavian Airlines System» ha editado, agotada la anterior edición, un nuevo folleto de propaganda, que promete el mismo éxito.

«Dansk Vandrelang», órgano mensual del movimiento juvenil danés, publica en todos sus números una columna con lecciones de un curso del idioma internacional.

● FRANCIA.—«Radiodiffusion Française Lille», de Lille (Nord), ha emitido unas emisiones en esperanto (los miércoles, de 17 a 17'15, en onda 234'9 metros), que se confía continuarán regularmente como programa a causa de las demandas dirigidas en tal sentido. Hasta ahora los programas son muy amenos.

El Ministerio de Educación Nacional ha reconocido «L'Union Esperantiste Française» como asociación de educación popular.

● HOLANDA.—«Esperanto bij het Onderwijs» organizó un curso del 17 al 29 de julio, especialmente para maestros, a cargo del conocido «gvidanto» señor Andreo Cseh, creador de un método de enseñanza directa.

El Comité Organizador de la «Exposición de Arnhem» (Jansbinnensingel, 20) utiliza el esperanto en sus circulares de propaganda.

«The English Institute», de Russum (Parklaan, 37), ha iniciado un curso de esperanto en sus cuatro idiomas.

● INGLATERRA.—El señor F. J. May, director del «Lymington Secondary Boys' School», de Dagenham (Essex), publica en «Essex Education» un artículo sobre las ventajas pedagógicas de la enseñanza del esperanto en las escuelas.

«Daily Records», de Londres, en su número del 14 de marzo último publica un artículo del redactor Andrew Bonar, en el que rectifica la errónea opinión que tenía respecto al esperanto. Aunque tarde, siempre es bueno...

En la Escuela Técnica de Bath se ha iniciado un curso de esperanto, con la aprobación de las autoridades municipales de enseñanza.

● IRLANDA.—La Asociación Turística de Irlanda (14, Upper O'Connell street, Dublín) ha editado un bonito folleto en esperanto para información de los extranjeros.

● ITALIA.—«La Prealpina», semanario de Varese, publica regularmente la sección «L'Esperanto nel mondo».

● NORUEGA.—«Jarbanenmanden», semanario de los ferroviarios noruegos, publica con regularidad una sección esperantista.

En las escuelas de Bergen se ha iniciado el estudio del esperanto entre las asignaturas de libre elección del escolar, celebrándose cursos de dos días semanales, con gran concurrencia de alumnos.

● JAPON.—Continuando en el uso del esperanto dentro de los medios culturales, el Boletín de la Universidad de Kyusyu publica artículos en la lengua auxiliar.

En la Universidad de Kobe se ha introducido el esperanto como asignatura de estudio obligado. Esta decisión es de suma importancia.

## OTRA EMISORA EN ESPERANTO: RADIO HILVERSUM

**La importante emisora de KRO (Unión Católica Radiofónica de Holanda) ha decidido introducir en sus programas un noticiario católico internacional en Esperanto, que se transmite todos los sábados, a las 11 y cuarto de la noche, hora española, en onda normal. Los trimestres primero y tercero de cada año, en metros 298 o 1007 kilociclos, y los trimestres segundo y cuarto en 402 metros equivalentes a 746 kilociclos. Es decir, que desde el 1.º de octubre hasta fin de año transmitirá en 402 metros. La audición en España es excelente**

# Carta de un peregrino esperantista



El reverendo Padre José López O F M. Profesor de Idiomas, en el Colegio de la Concepción, de Onteniente (Valencia) y entusiasta esperantista, autor del presente artículo sobre el Congreso Católico de Roma, donde tomó parte muy activa.

CON ocasión del Año Santo, ha tenido lugar en Roma, del 10 al 17 de Agosto de 1950 el XXII Congreso Internacional de Esperantistas Católicos. Centenares de Congresistas de diversas naciones de Europa y América lucieron, además del emblema oficial del peregrino, los colores pontificios con la inscripción en verde: «XXII<sup></sup>a Internacia Kongreso de la Katolikaj Esperantistoj. Romo (Italio) 10-17, VIII, 1950». El día 12 se celebró la Santa Misa en la Basílica de San Pedro, siguiendo a continuación, por la tarde, las obligadas visitas jubilares.

El Presidente del Congreso fué el Rev. P. Modesto Carolfi, franciscano, muy conocido en los centros esperantistas por su labor de largos años al servicio de la propagación del Esperanto. La parte religiosa del Congreso, ya que como peregrinos buscábamos en primer lugar la felicidad del alma, comenzó el día 11 con una Misa y la primera visita jubilar a San Juan de Letrán, terminando la jornada con un solemne Viacrucis que, leído y rezado en Esperanto, se celebró en el Coloseo, lugar empapado con sangre de mártires cristianos.

Terminadas las visitas jubilares, imprescindibles para ganar la indulgencia del Año Santo, se rezó una Misa en las Catacumbas de San Sebastián.

Los días 13 al 16 predicaron los RR. PP. Alfonso José Beckers, belga y Modesto Carolfi, italiano. La Audiencia pontificia fué de una grandiosidad indescriptible. La entrada del Romano Pontífice en la Basílica de San Pedro, recibido con una clamorosa ovación de más de 35.000 peregrinos, que en sus diversas voces mezclaban los vivas al Papa y a la Iglesia, fué un acto imponderable de universal solemnidad. Los peregrinos esperantistas fuimos distinguidos con unas tribunas especiales situadas en primer término, a la derecha del Santo Padre, desde donde le aplaudimos y vitoreamos respondiendo El complacido con su sonrisa y paternal bendición. Se le hizo el obsequio de varias obras en Esperanto, lujosamente encuadernadas, entre otras: «Fabiola», «Vivo de Kristo», de G. Papini, un «Kurso de Esperanto, etc. La labor oficial comenzó con la apertura del Congreso que tuvo lugar en el Capitolio, Sala de Sesiones del Ayuntamiento de Roma. Tras unas breves palabras de bienvenida a los congresistas pronunciadas por la primera autoridad de la Ciudad, habló la presidencia del Congreso, siguiendo después los saludos de representantes de diversas naciones, sin faltar la voz de un peregrino español que habló interpretando el sentimiento de los esperantistas españoles. Se leyeron numerosas cartas y telegremas; también las adhesiones de España, coronando su lectura con aplausos de reconocida complacencia.

Por la tarde se organizó una velada literario-musical que las emisoras italianas radiaron a todo el país, y que fueron escuchadas con suma complacencia.

Los Profesores P. A. José Beckers, Vito Benedetto, Bruno L. Marini, y el director de «Espero Katolika» disertaron sobre variados temas, relacionados con la propagación del Esperanto tanto en los medios científicos, como en los laborales y juveniles.

La clausura del Congreso, que finalizó con el resumen de las mociones adoptadas y dejó oir una vez más las voces de los distintos representantes, nos reveló que la sede del próximo XXIII Congreso Internacional de Esperantistas Católicos será Munich, Capital de Baviera, en Alemania. Colectivamente se hizo la visita al Museo, Pinacoteca y Biblioteca del Vaticano, al Museo de Letrán y a la Exposición del Año Santo, utilizando los Congresistas como medio de expresión solo el Esperanto, dando con ello una gran lección de inteligencia universal a todos los demás peregrinos que agrupados por naciones no podían comprender a los católicos de distinto idioma, a pesar del estudio de lenguas modernas en Liceos, Institutos o Colegios.

Como punto final no puedo menos que hacer constar de que, por lo menos, una vez en la vida se visite la Ciudad Eterna, pues cuando ya se ha visitado se siente que algo le falta al católico hasta que no ha visitado las jornadas históricas de un Año Jubilar en el Centro Santo de la Cristiandad. Ahora, más que nunca, sé lo que vale el uso del Esperanto.

Prave kaj saĝe oni diras, ke la distanco estas ŝanco por mildigi la konturojn de la objektoj. Spaco kaj tempo, per dozoj de malproksimo, kvalifikas kaj mezuras la fervoron de la veraj fervoruloj. Nur en okazo de simpla malvarmumo, oni konas la valoron de la sano; kaj ankaŭ nur oni scias pri la grava rolo de modestaj servoj, kiam ili mankas. En ordinara fluo de la vivo -eĉ komforta kaj plaĉa- la monotona procesio de la tagoj envolvas, iom post iom, per vualo de spleno kaj melankolio, la subtilan poezion, kiun por ornamo de sia spirito ĉiuj delikataj homoj ŝatas dorloti dise tra la koridoroj de sia edukita imago. Jes, karaj foraj geamikoj, la deviga paŭzo de mia somera libertempo estis plena konfirmo de la enkondukaj asertoj, ĉar kelksemajna interrompo de niaj kutimaj rilatoj taŭgis kiel evento oportuna por idealigi, ankoraŭ pli, la sentojn de nia pura amikeco, signita jam per la trajtoj de ĉiuj sezonoj. Tiu ĉi halteto en la marŝo sinsekva de mia liriko pruvis funde, ĉe la animo, kion signifas eta manko de kontakto inter koroj reciproke sin amantaj, kiuj nepre bezonas apude tiktaki unu ĉe la alia. Sub la sorĉo de tiel forta impreso longe, tre longe, mi statis dum daŭraj momentoj de neniofarado, kiam mia malpeza korpeto etendiĝis volupte kuŝanta, sur veluro el aromaj herbetoj, kun serenaj rigardoj alten al la ĉielo, kie lavango da nuboj, tra la pompo de tiu ege vasta scenejo, formas kaj transformas, per la vato de sia vaporo, strangajn figurojn de forflugaj pegasoj, ĥimeroj aŭ drakoj en impona kavalkado, kiun miaj pensoj klopodis ekpuŝi en direkto al la ĉielo de ceteraj landoj, aŭ ceteraj urboj, kie vi, ho karaj geamikoj, loĝas kaj laboras kaj... ŝajne verŝajne eĉ ankaŭ konstatis saman emocion, *pro manko de io*, antaŭ la muteco de mia ĝojbrua babilo. Ĉu vere ja tio, ke miaj periodaj aklamoj akiris meriton kaj gajnis prestiĝon? Ĉu vi jam rimarkis kaj notis kaj markis la longan prokraston de mia vizito? Ho, tiuokaze estus pardoninda la fakto neglekti iomete la devon forblovi zorgojn el via kapo, tro preme okupata, aŭ desegni la striojn de



# INTER LA PROZO DE LA

ĥela rideto ĉe la buŝo via, per reflekto de flirtantaj frazoj aŭ rebriloj de silkaj rubandoj, laŭ turno de karesaj vortoj, kiujn miaj lipoj flustras. kvazaŭ preĝo, kiel ŝatata devo je honoro via, por la bono via...

La somero velkas kaj malfiere cedas al la novaj cirkonstankoj. Jam ne plu la sunradioj estas inkandeskaj sagoj, sed ŝprucoj da pulvoro el oro malnova, kies brilon estingas tre ofte la pluvo aŭ provoke defias la elektro de fulmo. Ĉio estas efemera, ĉio estas provizora... Tamen, ĝis mi ĉesos spiri, mi revuos kaj revuos tra la varieteo de mia posteno de diligenta leganto. Tial, do, sufiĉe da banalaĵoj, kaj ek' al laboro! Sed... ho! nun mem, tufo da brilkoloraj plumoj ĵus saltas sur mian ŝultron; tio estas bela kakatuo, kiu rakontas la agrablaĵon, ke antaŭ ne multe, en la esperanta programo de la Roma radiostacio, oni dediĉis al mi afablajn vortojn; mi dankas kaj kvitancas la ĝentilecon; kaj rapide, ĉar jam tro malfrue, mi disfaldas gazetojn kaj prezentas al vi la titolojn, kun konciza resumo, en formo responda al inspiro, laŭ jena maniero:

LINGUA CLUB estas la nomo de poliglota societo en Manresa, la konata kataluna urbo; ĝi eldonas bultenon, kiu aperas kurioze en kvar aŭ kvin lingvoj; sed menciinde por ni, Esperanto havas lokon en tutpaĝa artikolo; krom tio, nia lingvo estis speciala temo en diversaj prelegoj okazintaj lastatempe. ESPERO KATOLIKA, oficiala organo de I. K. U. E. jam venas al mi regule, kiel interŝanĝa ekzemplero; ĝis nun nur per malrektaj rimedoj mi havis okazon, de tempo al tempo, iomete ĝin esplori, sed mi rajtas nur recenzi la gazetojn *oficiale* senditajn; esperebIe, la rilatoj neniel interrompiĝos. Bonega papero kaj plaĉa distribuo de la enhavo donas al ĝia ekstera formo agrablan aspekton. Sub titolo «Ĉu Esperanto estas lingvo konciza?» D-ro Manders prezentas artikolon, kiu per si mem alten lokigas la gazeton inter la kadroj de la katolika esperantismo. Informoj pri la kongreso en Romo kaj pliaj specifaj komentoj atentas pri lerta redaktado. DIS-

# ESPERANTISTA GAZETARO

TRO estas loga nomo de nova aŭstria revueto, kie svarmo da anekdotoj, literaturaj pecoj, kuriozaĵoj kaj populare sciencaj klarigoj plene pravigas la titolon; estu specimeno la frontpaĝa artikolo kun jena demanda subtitolo: «Ĉu post cent jaroj ankoraŭ ekzistos Adriatiko?» La samideanoj loĝantaj najbare al tiu maro zorgu jam... VOĈO DE ISLANDO, la eleganta montrofenestro de la tieaj amikoj, estas ĉiam plezure rigardata de samideanaj okuloj ĉar ĉiuj fragmentoj el la islanda literaturo, kiujn ĝi prezentas, estas zorge elektitaj, majstre tradukitaj kaj funde impresaj, cetere, pri tiea vivmaniero, ankoraŭ sobra kaj rigore honesta, tra bienoj kaj farmejoj. Danke al Esperanto la islanda lingvo pruvas sian altan gradon de perfekteco, kiel instrumento de kulturo de laborema popolo. Jen ESPERANTO EN SKOTLANDO, ĉu vi ne aŭdas la dolĉajn akutajn sonojn de sakfajfiloj? La gaja kaj sana humoro de la skotoj vigle trakuras kaj ludas, inter la kolonoj de ilia gazeto; kiel ***konsciaj*** korsaroj, ili ŝatas kaperi por aranĝi ekspozición de kaptitaj trofeoj; spritaĵo el nia Bulteno eltenas sian sorton ĉe la ferdeka pilorio. SENNACIULO informas pri sia kongreso en Torino, kies membroj «transiris Alpojn, kiel Hanibalo en iom malproksima tempo». Bona, tre bona, bonega! estas la ampleksa artikolo: «De helpa lingvo al hejma lingvo» de kompetenta samideano Lucien Laurat; per absolute objektiva kaj science facila maniero, li studas la evoluon de la lingvoj laŭ la vortoj de la titolo; jen kelkaj fragmentoj: «Oni protestas kontrŭ la esprimo ***helplingvo***, per kiu oni kelkfoje karakterizas Esperanton». «Ni ja deziras, ke E. fariĝu multe pli ol modesta akcesoraĵo». «Sed ĝis nun, oni ne sufiĉe atentis la fakton, ke ankaŭ la naciaj lingvoj oficialaj estas ***nur helpaj lingvoj,*** por granda parto de membroj de ĉiu nacio. La franca lingvo, ekzemple, tia kia ĝi estas instruata en la lernejoj, estas helpa lingvo, ne nur por provencanoj, bretonoj. alzasanoj, baskoj, flandroj, katalunoj kaj korsoj, sed eĉ por granda parto de puraj franclingvanoj, kiuj parolas dialektojn». «La ĝenerala evoluo observita depost pli ol cent jaroj tendencas al etendiĝo de la oficiala lingvo». «La amasiĝo, en grandaj industricentroj, de homoj venintaj el ĉiuj provincoj devigas ĉiujn paroli la oficialan lingvon por interkompreniĝi. Geedziĝoj inter personoj malsamdevenaj enkondukas la nacian lingvon en la familian hejmon. Tio ebligas imagi, kio povus okazi post dissalto de la limbaroj, kiam deversnaciaj homoj aglomeriĝos, por komuna laboro, en ekonomicentroj pli kaj pli internaciaj. Ĉu tiam ne sonos praktike la horo de Esperanto?» Malfacila estis la tasko pinĉi oportunajn liniojn, sed ili estu kvazaŭ gutetoj el bonkvalita flakono da esenco. FRANCA ESPERANTISTO, en luksa numero, dediĉita al la Universala Kongreso, estas valora albumo en kiu la formo kaj la enhavo tiel harmonie kaj arte sin interplektas, ke la rezulto estas verko kun sufiĉaj meritoj por fierigi ne nur la francajn samideanojn, sed ĉiujn amikojn de nia afero ĉie en la vasta mondo. Ĉu la sinceraj gratuloj de anonima koboldeto sukcesos veni ĝis la artistoj, kiu cizelis tiun kronon de la nunjara universala manifestacio de la esperantismo? La grupo de la franca urbo Nantes ne volas rangi malalte, gi eldonas jam propran organon; kiu estas ESPER-NANTA GAZETETO, tre malgranda, sed treege moviĝema kaj vigla; mi imagas bone la ĝojon de la klubanoj. Oni povas ĝin kompari kun tiuj etaj birdetoj de la tropikaj arbaroj, kiuj bruas kaj pompas pli ol fieraj orplumaj fazanoj.

Ho, ho! kion elvokis ĉe la kakatuo tiu preterpasa aludo pri la tropikaj birdoj? mi ne scias, sed krie bekante ĝi forlasis mian ŝultron kaj flugis en proksiman foliaron. Tio memorigas min denove pri la efiko de distanco, por iel mildigi la pensojn kaj la sentojn... Ankaŭ la fino estas promeso de komenco, de hela komenco kun refreŝigitaj fortoj; sed ili nun preskaŭ ne povas eĉ meti la finan punkton, kiu, por doni tempon al la burĝonoj de la iluzio fariĝi belaj rozoj, provizore vin disigas de

**LA LEGEMA KOBOLDETO**



# OFICIALA TRANSDONO DE LA PETSKRIBO

**Kiel oni scias, jam estas oficiale transdonitaj al U N O la albumoj kun 16 milionoj da subskriboj, favoraj al la akcepto de Esperanto en tiu supera institucio. Per la letero, kiu sekvas, niaj legantoj scios pli detale pri la grava kaj interesa ceremonio, okaze de la oficiala transdono, kiu elokvente montras la novajn progresojn de nia lingvo internacia**

Al S-ro Ernfrid Malmgren, Prezidanto de Universala Esperanto-Asocio (UEA)
ĉe la 35-a Universala Kongreso de Esperanto,
62 Avenue de Clichy, Paris (18e), Francujo.

2 Aŭgusto 1950.

Estimata Sinjoro Prezidanto!

Mi havas la honoron informi vin, ke la transdono de la UEA-Petskribo al la Unuiĝintaj Nacioj okazis hodiaŭ, la 2-an de Aŭgusto, je la dua kaj duono posttagmeze en Lake Success, en la Konferenca Ĉambro N-ro 13 de la UNo-Sekretariejo. Kvar albumojn enhavantajn ĉiujn kolektivajn subskribojn kaj la plej gravajn individuajn akceptis nome de UNO *S-ro Benjamin Cohen*, de Ĉilio, Helpa Ĝenerala Sekretario de la Unuiĝintaj Nacioj kaj Estro de ĝia Departemento de Publika Informado.

Ses membroj de la Esperanto-delegitaro faris paroladojn en Esperanto kaj en angla, franca, hispana kaj rusa lingvoj. Nome de UNo la Helpa Ĝenerala Sekretario deziris plenan sukceson al la klopodoj de la Esperantomovado. Li promesis oficiale informi la Ĝeneralan Direktoron de UNESCO, *S-ron Jaime Torres Bodet*, pri la transdono de la Esperanto-Petskribo. Li diris, ke li komprenis preskaŭ ĉion, kion ses Esperantistoj — naskitaj en 6 diversaj landoj — diris en Esperanto. Li aldonis, ke la flueco, kun kiu ili parolis la lingvon, forte impresis lin. S-ro Cohen ankaŭ menciis, ke la Esperanto-eldono de la Universala Deklaracio de Hom-Rajtoj, preparita kaj eldonita de la Esperanto-Asocio de Nord-Ameriko, troviĝas en la oficiala listo de eldonaĵoj de la Departemento de Publika Informado de UNo. S-ro Cohen dankis la esperantistojn por ilia promeso labori por internacia kompreno, tiamaniere plifaciligante la klopodojn de la Unuiĝintaj Nacioj.

La programo de la ceremonio estis jena: S-ro Mark Starr, Eduka Direktoro de la Sindikato de Laboristoj pri Virinvestoj, Vicprezidanto de la Komitato de la Usona Registaro por la Edukaj Interŝanĝoj, kaj iama Prezidanto de la Usona Delegitaro al UNESCO-Konferenco pri Edukado de Plenkreskuloj, okazinta en Danujo en 1949, parolis angle kaj Esperante, rakontante pri siaj propraj spertoj kun Esperanto en Japanujo, Rusujo kaj aliaj landoj. Li diris, ke facila kaj neŭtrala helpa lingvo ebligas internaciajn rilatojn al personoj sen speciala lingva studado kaj ke Esperanto montris sian plenan taŭgecon por tiu celo. En la historio de la Esperanto-movado S-ro Starr certe restos konata, kiel la unua esperantisto, kiu faris paroladon *en Esperanto* en la centro de UNo.

La dua parolado estis tiu de *D-ro William Solzbacher*, Prezidanto de la Esperanto-Asocio de Nord-Ameriko. Li parolis unue angle, poste france, kaj fine Esperante. «Nome de Universala Esperanto-Asocio kaj de la 16 350 212 personoj, kiuj individue aŭ per siaj organizoj subtenis la petskribon», li petis la Unuiĝintajn Naciojn, ke ili atentu kaj studu konvene la spertojn jam faritajn, pri la praktika uzo de Esperanto kaj ili subtenu pli vastan aplikadon en la estonteco. D-ro Solzbacher menciis la plej gravajn individuajn kaj kolektivajn subskribojn kaj diris, ke, kvankam la grandaj asocioj kun centmiloj da membroj estas la plej gravaj, studo de la listo de malgrandaj asocioj subskribintaj montras la surprizan variecon kaj multflankecon de la intereso pri Esperanto. Uzante tri landojn kiel ekzemplojn, Norvegujon, Brazilon kaj Japanujon, li montris tion konkrete. Li ankaŭ rememorigis la diskutojn pri Esperanto en la iama Ligo de Nacioj, dirante, ke la Raporto de la Ligo de Nacioj pri «Esperanto kiel Internacia Helpa Lingvo» (1922) meritas la intereson de la Unuiĝintaj Nacioj kaj ke la formulo uzita en Rezolucio de la Ligo de Nacioj de 1924, pri «Esperanto kiel praktika helpa lingvo por internaciaj rilatoj, flanke de la naciaj lingvoj uzataj», eble estos inda de konsidero en la Unuiĝintaj Nacioj.

Sekvis paroladeto de *S-ro Myron Mychajliw*, iama Redaktoro de «Ukraina Esperantisto», en rusa lingvo kaj Esperanto. Poste *S-ro Floreal Conchado*,

Fak-Delegito de UEA por hispanlingvanoj, paroladis hispane, angle kaj Esperante.

*Profesoro João B. Mello e Souza*, el Rio Janeiro, Prezidanto de la Brazila Skolta Asocio kaj iama Generala Sekretario de la Brazila Esperanto-Ligo, faris treege impresan paroladon, unue en franca lingvo, poste en Esperanto, montrante la necesecon de Esperanto por lando, kies lingvo ne estas multe studata eksterlande.

La finan paroladon faris *S-ro H. Sloan*, Prezidanto de la Konsila Komitato de EANA. Li parolis unue en Esperanto, poste en angla lingvo, kaj laŭtlegis la tekston de la Petskribo. Li diris, ke la Esperanto-movado ne nur prezentas peton al UNo, sed ke ĝi ankaŭ promesas sian helpon en la plifaciligo de internacia kompreno, unu el la esencaj taskoj de UNo.

Sekvis la transdono de la Petskribo kaj la fina parolado de S-ro Benjamin Cohen. Ĉeestis kelkaj ĵurnalistoj. Ilia nombro estus estinta multe pli granda, se samtempe sensacia kunveno de la Sekurec-Konsilantaro ne estus altirinta ilin.

Dezirante al la Pariza Kongreso plenan sukceson, mi restas samideane kaj sincere via.

WILLIAM SOLZBACHER
(Prezidanto de la Esperanto-Asocio de Nord-Ameriko —EANA—)

## EL ESPERANTO HACE ACTO DE PRESENCIA EN LAS NACIONES UNIDAS



El Sr. Benjamín Cohen, uno de los representantes de Chile en las Naciones Unidas y Secretario adjunto del alto organismo internacional, se hace cargo oficialmente de los folios con las firmas de diez y seis millones de personas, entre los que figuran relevantes nombres de la ciencia, el arte y la política, que se muestran partidarios de la introducción del Esperanto como lengua de trabajo en los debates de dicha institución. La delegación que hizo entrega de las firmas estaba compuesta por distinguidos esperantistas de distintas naciones, que se expresaron en los diversos idiomas oficiales y en Esperanto, para expresar la unanimidad del deseo y la utilidad práctica de nuestro idioma que evita el enojoso y complicado sistema de las traducciones simultaneas. En el grabado vemos al Sr. Cohen saludando a los delegados y declarando su conformidad personal a los buenos propósitos que impulsaron a los firmantes de la petición, algunos de los cuales son, nada menos, el Presidente de la República Francesa, Sr. Auriol, y el Jefe del Gobierno holandés, Sr. Drees

**AKTUALA DEMANDO.**—Kion celas veraj esperantistoj en Hispanio? Unualoke, disvastigi nian lingvon! Ĉu tio estas ebla? Jes, sed iomete malfacile. Kial? Ĉar ekzistas malmultaj kompletaj hispanlingvaj lernolibroj kaj, precipe, ne facile troviĝas Esperanta-Hispana Vortaro, per kiu la gelernantoj de ordinara kurso povu mem eltiri vortoprovizon. Estas nepre necesa do iu bona lernolibro kun ampleksa vortaro. Jen urĝa deziro, kiun ni devas tuj senprokraste meti sur la **tagordon** por efektivigi, kiel eble plej rapide. Jen, koncize, aŭdita opinio de kelkaj spertaj lokaj samideanoj: Vortaron ni ne havas, ĉar ĝi ne ekzistas! Monon ni ne havas, tamen ĝi ekzistas!

Ĉiu konscia esperantisto alportu sian sableron, kaj baldaŭ ni havos, kion nepre ni ege bezonas, nome: bonan lernolibron kaj ampleksan vortaron kune.

VICENTE HERNANDEZ LLUSERA
Membro de Esperanto-Sekcio de A. E. Tierra y Mar - SABADELL (Barcelona)

# MIRINDA ORTOGRAFIO

Zamenhof estis ĉiam cedema kaj rezignema pri detaloj de Esperanto. Li tiel profunde amis la solvon, la esencon, de lingvo internacia por paco kaj interkompreniĝo de la homaro, ke eĉ plej trafajn flankaĵojn li pretis oferi por akceli ĝeneralan interkon-senton.

La Zamenhofa ortografio, dank' al c kaj ĉ, g kaj ĝ, j kaj ĵ, s kaj ŝ, mirinde fidelas plej internacie samtempe al klasikaj kaj modernaj lingveroj: *servi ĉe princo; ĉe* vidvino *loĝas generalo* kiu *ĝenerale sufiĉe legas* pri *scienco* kaj arto militaj; *cent ĵuĝistoj* en *ĝardeno* disputas pri *juro, ĉar ĵurnalo* montris *tendencon* prezenti *anĝelon* kiel ekzemplon de *ĵuĝisto;* en *larĝa ŝipo* estas maristoj kiuj *manĝas danĝere* por *si; cetere: cedi, cedro, celulozo, cemento, cent, centaŭro, centro, cerbo, cerealo, ceremonio, certa, cifero, cigno, ciklo, cilindro, cindro, ĉagreno, ĉambro, ĉerizo, ĉesi, ĉemizo, ĉielo, ĉifro, ĉirkaŭ, decidi, decembro, decimalo, dediĉi, deficito, disciplino, docento, dolĉa, franca,* k. t. p.

Kiam mi eklernis la lingvon de Zamenhof, eŭropano nordorienta, slavlingvano, kaj mi konstatis la ortografian fidelon de la vortoj laŭ mia lingva naturo de eŭropano sudokcidenta, franca, hispana, itala, kataluna kaj portugala, ŝajnis al mi genia la ortografia solvo per la literoj kun signeto.

Mi opinias ke ordinare, ni la esperantistoj, ne sufiĉe elstarigas kaj laŭdas la solvojn kaj solvetojn de nia Majstro en ĉiuj aspektoj de la lingvo. Mi pentas, ke ĝis nun tion malmulte mi faris, kaj mi invitas miajn kolegojn, pli junę ol mi, publike rekoni kaj rekonigi meritojn de Esperanto, kiuj estas tiom grandaj, ke ili mem, eĉ preskaŭ ignorataj de la esperantistoj, venkas lingve kontraŭ ĉiuj epidemioj reformemaj, imitemaj, rivalemaj, inventemaj.

Plezure mi respondos al demandantoj pri tiu temo rilate al la nomitaj lingvoj.

DELFI DALMAU

# LINGVAJ DEMANDOJ

*Por hispanoj certe estos tre interesa la raporteto de japano pri unu frazo, kiu mirinde estas tute egala al alia tre ordinare uzata en hispana lingvo. Jen do, kion li diras:*

Mi legis en la rubriko «Lingvaj demandoj» de decembra numero de «Internacia Kulturo» tre interesan demandon, ĉu oni komprenas kion signifas la frazo: Ni ne staru kun krucigitaj (krucmetitaj) manoj!

Mi, estante mem japano, povas bone kompreni la frazon, ĉar ankaŭ en la japana lingvo ekzistas simila esprimo.

Mi pensas, ke la frazo devis sin trovi en «Ankoraŭ pri la neŭtraleco de nia movado» de s-ano Hristo Karaneŝev, sed oni anstataŭigis ĝin per alia frazo: Ni ne restu plu en dolĉa senaktiveco.

En la japana lingvo ekzistas la frazo: *Wareware wa te wo komanuite bôkansite inaide iyô!*

(Ni, japanoj kutime uzas ne latinajn literojn, sed ĉinan ideografiaĵon kaj japanajn literojn, per kiuj ĉi tie mi tamen ne skribas por ne embarasi vin).

Mi tradukas ĝin esperanten

laŭvorte: Ni ne rigardu indiferente kun krucigitaj manoj.

laŭsence: Ni ne staru, nenion farante (dum aliaj laboras).

Mi ŝatus ekscii, ĉu ankaŭ en aliaj lingvoj ekzistas simila esprimo. La aperon de similaj notoj mi tre scivoleme atendas. Kun respektoplena saluto,

via SAKA TADASHI
*Tsu, Mie-ken, Japanio*

# HELPU!

Hispanoj, fratoj miaj, la laboro
plej nobla nin kunigas sur la Tero.
Antaŭen! Luktu ankaŭ la ibero
al plibonigo de la homa koro.

Mi kredas tiun koron pura oro,
nur de l'eduko venas la danĝero;
ni savos la homaron de sufero
se Esperanto iĝos la mentoro.

Pensante pri la portugala vivo,
mi «Boletin» rigardas emocie.
Feliĉaj vi, amikoj! Jen motivo

por ĝoji Esperante kaj nacie.
Vi vivas en espera perspektivo
kaj ni en malespera *"sine die"*.

SALDANHA CARREIRA
*Lisboa*

## Ricevitaj Libroj

*D-ro W. Manders, Interlingvistiko kaj esperantologio, Purmerend (Nederlando), 1950, 77 paĝoj, 4.º. —Prezo: 2.25 guldenoj (= 9 U. L. —steloj, per kiuj ankaŭ pagebla).*

El la recenzoj, kiujn ĝis nun mi sukcesis legi pri la kape indikita verko, neniu rimarkigis tre laŭdindan flankon de la libro de s-ano Manders, nome ĝian literaturan signifon el artisma vidpunkto. Ĉar, krom multaj aliaj aferoj, moderna studaĵo ankaŭ signifas arton verki kaj eksponi; kaj d-ro Manders posedas tiun arton kiel malmultaj el niaj nunaj eseistoj.

Du fojojn mi legis jam la verkon de amiko Manders. Pri la enhavo jam parolis aliaj kun pli da kompetento, ol mi povus tion fari. Nur pri la formo, pri la literatura —beletra— valoro de la libro mi volas atentigi la samideanaron plej speciale.

La verkmaniero de d-ro Manders ne bezonas volvaĵojn de malklaro; ŝajne ili eĉ ĝenas lin. Ĉi tiun libron karakterizas precizo de stilo, al kiu mankas ĉiu senutila artifiko, kun laŭdinda forgeso de pezaj ornamoj retorikaj, probable ne tre malkutimaj al la brava tradukinto de unu el la du grandaj homeraj epopeoj. Oni povas diri, ke pro la klaro kaj neto de ĝiaj ideoj kaj pro la alloganta kaj brila forto de la argumentoj, ĉi tiu verko de s-ro Manders apartenas al tiuj malmultaj, kiuj, apud la zamenhofaj, elstariĝas per seno de lingvaj enigmoj kaj per la trajto, laŭ kiu klaraĵo puŝas alian klaraĵon. Tia stilo estas maksimuma leciono de verka ĝentilo, inda transporto en nian teĥnikan literaturon —kun forĝo de lingvoscienca terminaro, jen alglua kaj kunmeta, jen novavorta— de la brilaj pedagogiaj, instruistecaj kapabloj de la aŭtoro.

Ekzemplajn eltiraĵojn mi volonte montrus, sed la gazeta spaco ne permesas tion.

El ĉi tiuj paĝoj, elkoran dankon, plej varman gratulon kaj al la verkinto kaj al la eldonisto J. Muusses: ili ambaŭ bone, eminente, laboris por nia afero, por Esperantolando.

J. Régulo Pérez, *Kanariaj Insuloj*



## LETERO EL IZRAELO

La Esp. Movado en ĉi tiu nia novamalnova hejmo ne progresas kiel decas... Tio ne estas pro nevolemo nek pro reakciaj malprogresemaj momentoj ĉe la judoj; tio simple estas pro la okupateco, zorgemeco kaj maltrankvileco de la elementoj. La lando, kiun oni rekonstruas, du jarojn depost la fondiĝo de la **Medinat Israel** (La Juda Ŝtato) bezonas nun ĉies tempon, ĉies monerojn. Konkeri landon ne estas ofte tro malfacila, sed teni ĝin, rekonstrui ĝin kaj, cetere, konstrui ĝin firme kaj bele estas certe multe pli malfacila afero. Tamen, Esperanto ne estas faktoro malkonata ĉi-lande; en Tel-Aviv, pure juda urbego kun 250.000 enloĝantoj, nia lingvo estas parolata en speciala klubo; ankaŭ ekzistas belega strato kun la nomo de la aŭtoro de Esperanto. Jes, "Reĥov Zamenhof" troviĝas en la koro mem de la ĉefurbo. En Jeruzalemo ankaŭ ekzistas Esperanto-Klubo, eĉ tre vigla kaj aktiva. En la tria ĉefurbo, Haifa, estas tre rimarkinda aktiveco en konstruado, en municipa disvolviĝo, en ĝenerala kulturo, sed Esperanto ne montras ankoraŭ la adekvatan varmon; ĝi atendas la venontajn pionirojn de la internacia kompreniĝo, de la interlanda kaj interhoma reciproka amo pri kiu ni revas kaj sonĝas...

JEĤEZKEL ARMONY
Haifa (Izraelo)



**JEN PER MONO, JEN PER TEMPO, JEN PER BRAVA ENTUZIASMO ● ESPERANTO, NIA BELA LINGVO, RAJTAS KAJ MERITAS HELPON! ●**

# ☆ LA LERNEJO

**CONSULTORIO LINGÜISTICO**

J. J. de VALENCIA.—**NU** es una de las interjecciones en Esperanto, que se traduce mas o menos así: **Pues bien, Así pues,** etcétera. Su brevedad le da un gran poder expresivo, para animar o llamar la atención sobre lo que a su inmediata continuación se indique; por ejemplo: **Nu, venu kun mi** (Pues bien, ven conmigo). También sirve para presentar un nuevo hecho, especialmente la segunda oración de un silogismo: **Nu, ni devas agnoski, ke nia klopodo sukcesis** (Así pues, debemos reconocer que nuestro esfuerzo ha tenido éxito).

Sepan todos los lectores que en esta sección se les resolverán todas cuantas dudas tengan sobre algún punto de la gramática o del diccionario. Mi deseo no es otro que ayudar a que el conocimiento del idioma internacional sea lo más perfecto.

**JUAN BOSCH**

## ATENTU!

En la jaroj 1934... aperis felietone kiel suplemento al **Suno Hispana** (aŭ alia gazeto) verko de Fernando Redondo:

**PROVO PRI IDEARO**

Mi ricevis ĝin ĝis paĝo 160, sed al mi ŝajnas, ke eble pluaj 100 paĝoj bezoniĝis, por kompletigi la verkon. Mi deziras ĝin kompletigi kaj bindigi por la Biblioteko de BEA. Ĉu vi povus diri al mi, ĉu estas eble havigi la komplelan volumon, aŭ la mankantajn paĝojn? Se ne, mi simple bindigos la paĝojn, kiujn mi nun havas. Ĉu la verko iam fineldoniĝis?

Mi volonte sendus al vi iom (ekz. la lastan eldonon de mia «Step by Step en Esperanto») kiel kompensaĵon.

**M. C. BUTLER** (Akademiano)
36 Penrhyn Road, Kingston on Thames
SURREY, Anglujo

La mejor manera de favorecer al Esperanto en España es inscribiéndose en HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

| | | |
|---|---|---|
| Socio de número ... | 12 | ptas. anuales |
| Socio abonado.. ... | 25 | » » |
| Socio protector... ... | 50 | » » |

**Los socios protectores recibirán DOS ejemplares**
**Los nuevos miembros recibirán todos los números que se hayan publicado anteriormente durante el año**

## ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatas al nia afero. Unu peseto aŭ unu r-k. validas por du vortoj. Tri mallongigaj literoj valoras kiel unu vorto. Aparta tarifo por specialaj anoncoj.**

FRANCISCO CURTO, strato Martín Molins, 24, Barcelona (13), Hispanio, deziras korespondi kun ĉiuj landoj.

Fraŭlino SIRLEY ROSS, 411 Kaeelock st., Ballarat, Victoria, Australia, deziras korespondi kun juna hispano pri arto.

S-ro J. ARMONY, P. O. Box 2171 Haifa (Israel) dez. koresp. kun hispanoj kaj aliaj, speciale kun virinoj; ankaŭ elŝanĝi librojn kaj ĵurnalojn, pri ĉiuj temoj.

S-ro SVEN SANSTROM-18-jara svedo, Onska-Tavelsjo-Svedio, dez. koresp. kun hispanaj geamikoj.

## TURISMA SERVO POR EÚROPO

I.-La **Internacia Asocio de Junulinterfratigo** eldonis ilustritan *prospekton en Esperanto* pri la *domoj por la junularo,* kie la gejunuloj ĝuas malmultekostajn loĝadon kaj manĝojn.

Esperanta prospekto havebla senkoste

II.-**Europa Turisma Servo** prezentas en *Okcidenta Europo* taŭgajn hotelojn kun tre favoraj prezoj per Esperantistoj. Ĝi sendas senkoste turismajn esperantlingvajn prospektojn (1 rk).

Petu informojn ĉe:

INTERNACIA SERVO
Konijnenpèrken, 109 (Belgio) - BOSVOORDE-BRUSELO

## JUNULARO TUTMONDA!

Granda rondo el elegantaj junuloj kaj belaj fraŭlinoj, kiuj interesplene sekvas kurson ĉe grava societo, serĉas jam geamikojn ĉie de la mondo. La kursgvidanto distribuos plej adekvate la ricevotajn adresojn kaj garantias seriozan respondon al ĉiu sendinto. Skribu tuj laŭ jena adreso:

**KURSO DE ESPERANTO**
**en Montepío Dependencia Mercantil**
San Vicente, 83 - VALENCIA (Hispanio)

## PARA NUESTRO BOLETIN

**8.ª lista de donativos (Agosto-Septiembre 1950)**

| | |
|---|---|
| **Suma anterior** | **809 Ptas.** |
| **Ricardo de Luna (Barcelona)** | **25 »** |
| **Salvador Martínez (Islerres de Valldigna)** | **10 »** |
| **Jaime Juan Forné (Valencia)** | **3 »** |
| **Ricardo Quiles (Valencia)** | **3 »** |
| **Fernando Frías (San Sebastián)** | **5 »** |
| **Julio Salgado (San Sebastián)** | **5 »** |
| **Arquímedes Ballester (Alcoy)** | **5 »** |
| **Total** | **865 »** |

**Estimata amiko: los últimos meses del año son los más difíciles para todo presupuesto ¿tendrás en cuenta esta advertencia?**